DUMONATA. N-ro 4. APRILO 1947.

BULTENO DE

# Reĝa Belga Ligo Esperantista

*Asocio sen profita celo, tute sendependa de partiaj agadoj.*
*SOCIA SIDEJO : 19, avenue Montjoie, Bruselo.*

Pour renseignements au sujet de l'Espéranto, s'adresser : — Om inlichtingen over Esperanto, wende men zich :
230, Peter Benoitlaan, Merelbeke (Gent).

## UNUECO, FORTECO

La devizo de la Belgoj devus instigi ilin al serĉado de unueco ĉiuspeca por havigi al si fortecon, kiun la malgrandeco de la teritorio ŝajne ne pravigas.

La celo de Esperanto ja ne estas realigi unuecon sur la lingva kampo per forigo de la naciaj lingvoj, sed tamen akiri ian unuecon en la esprimo de la ideoj inter homoj apartenantaj al diversaj rasoj, diversaj gentoj, diversaj landoj.

Kaj tamen ne regas unueco inter la Belgaj Esperantistoj, rilate al sia propaganda laboro por Esperanto en Belgujo.

Ili ne staras unu kontraŭ la aliaj, kiel malamikaj fratoj. Feliĉe ne ! Ili, individue, ofte staras eĉ tre amike unu kontraŭ la aliaj.

Sed, sur la organiza kampo, ili dividiĝis.

En la pratempo de la historio de nia movado en Belgujo, ekzistis nur unu Ligo, la nia : Belga Ligo Esperantista.

Sed baldaŭ, kaj pro diversaj kaŭzoj, ekstaris aliaj Ligoj, aliaj Asocioj, kun aŭ sen filozofiaj aŭ politikaj kromceloj, sed kiuj ĉiuj laboras sur la sama tereno, sur la sama mallarĝa spaco kunpremita inter niaj oficialaj landlimoj.

Ĉu ni bedaŭru tion ?

Mi konfesas, ke mi longtempe tion bedaŭris. Mi ja dum jaroj ne povis, ne volis eble kompreni, ke povus esti neeble por ĉiuj Esperantistoj kunvivi sian esperantistan vivon en ununura asocio.

Sed evidentiĝis fine al mi, ke eĉ se ni hodiaŭ rekonstruus unuecon kaj akirus kunfandiĝon de ĉiuj ekzistantaj organizaĵoj, morgaŭ tamen ekstariĝus nova asocio de homoj, kiuj ne kapablas vivi kun la aliaj unuiĝintoj, pro la simpla kialo, ke Esperanto restas fakte flanka afero kaj ke ili ne kapablas formeti de si, eĉ ne dummomente, siajn aliajn idealojn, ĝenerale tre respektindajn, dum Esperanto por ili tamen estas nur teknika rimedo por pli facile interkompreniĝi kun personoj en diversaj landoj, kiuj ja havas la samajn ceterajn idealojn kaj celojn.

Se mi do ĉi supre, kiel titolon, metis « Unueco, Forteco », ne estas ĉar mi intencas prediki al niaj legantoj kaj membroj, kunfandiĝon de ĉiuj ekzistantaj movadoj en ununura asocio, sed ĉar mi volis atentigi ĉiujn pri la fakto, ke ŝajnas al mi dezirinde, ke la gvidantoj de nia Ligo kiel de la aliaj sincere pripensu rimedojn por kunlabori sur la nacia kampo, kiel ni, jam de antaŭ la milito, ekkunlaborigis individue la esperantistojn de diversaj grupoj en sama urbo.

La problemo ŝajnas ne nur atentinda, sed eĉ urĝe pristudota, se ni volas, per tiu unuecigo de niaj klopodoj, akiri veran Fortecon !

Maur. JAUMOTTE.

LEEST HET PROPAGANDA-ARTIKEL, blz. 27.

LISEZ L'ARTICLE DE PROPAGANDE, p. 29.

**BONVOLU TUJ REPAGI VIAN KOTIZON !**

## REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Ĝenerala Jara Kunveno.**

La membroj de R. B. L. E. estas petataj ĉeesti la **ĝeneralan jaran kunvenon,** kiu okazos **dimanĉon la 27an de Aprilo 1947,** je la 15a, rue au Beurre, 40, Boterstraat, en Bruselo.

TAGORDO : 1. Raporto de la Administrantaro; 2. Aprobo de la bilanco 1946; 3. Fiksado de la kotizo; 4. Buĝeto 1947; 5. Laŭstatutaj elektoj; 6. Diversaĵoj.

La membroj, kiuj ne povos ĉeesti, rajtas sin anstataŭigi de alia membro.

La Prezidanto : D-ro KEMPENEERS.

## NIA UNUA POSTMILITA BELGA KONGRESO

**Antverpeno, de la 24a ĝis la 26a de Majo.**

Kiel niaj membroj-legantoj jam scias, per nia unua komuniko aperinta en la antaŭa numero de nia Bulteno, la proksima unua postmilita Kongreso organizata de Reĝa Belga Ligo Esperantista, okazos dum la Pentekostaj tagoj en Antverpeno.

Membroj de la estraro de nia tiea sekcio « La Verda Stelo » zorgos pri la diversaj aranĝoj.

Por faciligi tiujn ĉi, estas necese ke ĉiuj aliĝu kiel eble plej baldaŭ, tiel ke la organizantoj povu zorgi pri la salonoj kaj cetere, laŭ la efektiva nombro de partoprenontoj.

Tial ni konservos ĝis kvin tagoj post forsendo de tiu ĉi Bulteno la tre malaltan kotizon de Fr. 35, kiu povas esti pagata per ĝiro al P.Ĉ.K. 1700.10 de S-ro Maur. Jaumotte, 44, De Bruynlaan, Wilrijck.

Post tiu dato, la kotizo estos Fr. 40 ĝis la 1a de Majo, kaj post tiu dua dato, ni nepre devos postuli Fr. 50, ĉar tiuj malfrue aliĝontoj kiuj kompreneble ĉiam estos bonvenintaj, tamen, per sia prokrasto, malfaciligas tre serioze la preparajn laborojn.

Ĉi malsupre ni donas la provizoran programon de la Kongreso :

**Sabaton, la 24an de Majo.**

Je la 15a horo : Malfermo de la akceptejo.

Je la 16a : Delegitaro foriros por demeti florojn sur la tombojn de la Prezidinto de la Ligo kaj Fondinto de la loka grupo Frans Schoofs kaj de la administrinto-delegito de Belga Esperanto-Instituto Louis De Hondt.

Je la 17a : Demeto de floroj ĉe la Monumento al la Militmortintoj.

Je la 17,30 : Ĝenerala jarkunveno de Belga Esperanto-Instituto.

Je la 18.30 : Kunveno de la delegitoj kaj membroj de I. E. L.

Je la 20,30 : Interkonatiĝa vespero.

**Dimanĉon, la 25an de Majo.**

Je la 9a horo : Speciala Di-servo por la katolikoj; kun esperanta prediko.

Je la 10a : Ĝenerala Kunsido de Reĝa Belga Ligo Esperantista. Tuj poste : Komuna fotografado.

Je la 12a : Akcepto en la urbdomo kaj malgranda promenado.

Je la 13,30 : Komuna festa tagmanĝo.

Poste : Vizito al kelkaj vidindaĵoj de la urbo (Zoologia Ĝardeno, Haveno).

Vespere : Esperanto-festo.

**Lundon, 26an de Majo.**

Ekskurso.

## LINGVA BABILADO

Antaŭparolante sian tradukon de la dumiljara « Eneido », D-ro Vallienne, disĉiplo de Zamenhof, similigis Esperanton kun ekvilibristo, kies korpa malrigideco kaj fleksebleco ebligas mirigajn kurbiĝojn kaj saltegojn.

Ordinara homo, kiu de sia infanaĝo ne speciale ekzerciĝis, ne estas kapabla fari tiajn akrobataĵojn. Simile, ordinara lingvo ne estas taŭga por traduki verkon, sufiĉe rebriligante ĝian harmonion, sonoradon, movadon, unuvorte ĝian genion. Fakte la versoj de Vallienne havas, per la sinsekvado de la akcentitaj kaj ne akcentitaj silaboj, la kadencon de la senrimaj latinaj heksametroj de

Virgilius. Per tiu traduko, esperantisto povas ŝati la epopeajn versojn de la latina poeto multe pli bone ol per nacilingva traduko :

Iam mi, kiu sur fluto kampara malpezajn kantadis
Versojn, kaj poste, lasinte arbarojn, en verkoj poetaj
Donis konsilojn por ke rikoltisto de sia laboro
Grandan ricevu kompenson; hodiaŭ de Marso terurajn
Armeojn mi kantas kaj viron, unua el bordoj Trojanaj
Kiu alvenis, fatale puŝita, kaj ĝis Lavinujo,
Lando Itala, longtempe tra tero kaj maro vagadis,
Dia de volo; ĉar lin persekutis Junona kolero.

Malgraŭ la malfacileco de la laboro, kiun Vallienne trudis al si, oni povas malfermi, je kiu ajn paĝo, la 271paĝan tradukon de Eneido, ne trovante ne bezonatajn vortojn strangajn, kiajn uzas nun tro ofte iuj verkistoj aŭ tradukantoj.

Tian elegantan simplecon oni trovas ankaŭ en la versoj de Zamenhof, kaj de liaj disĉiploj.

Same oni trovas la lingvan purecon Zamenhofan en la prozaj verkoj de la pioniroj helpantoj'de Zamenhof.

Kiel bele estus se ĉiu « Esperantisto » fariĝus, laŭ sia fako, tute kompetenta pri la uzado de « pura » Esperanto. Estas ja necese ke la registaroj « konstatu per faktoj » la ekziston de eminentularo da personoj kapablaj traduki, verki, paroladi, por dissendi altajn ideojn kaj fakajn progresojn en la tutan Mondon. Tiam la registaroj vidus ke la grandiozaj celoj de U.N.E.S.C.O. estas atingeblaj. Neniu diru : « Aliaj faros, mi ne havas tempon ». Tia kliŝajo kadukiĝis.

C. V.

## EEN INTERNATIONALE TAAL IS NOODZAKELIJK

Het zij op internationaal politiek, wetenschappelijk, economisch, sociaal, menschelijk, rechterlijk, technisch... gebied, de meest bevoegde personen zijn niet die, welke de meeste talen (goed?) kennen. De internationale bijeenkomsten, meer en meer noodzakelijk, kunnen alleen plaats vinden met behulp van dure en late vertalingen, of van mondelinge vertolkingen die juistheid en kracht missen. Die zware verwikkelingen versterken voorzeker niet de krachtdadigheid van de bijeenkomsten.

Wetenschappelijke en letterkundige werken van algemeen belang verspreiden zich moeilijk en langzaam over de grenzen van het land van herkomst, ten gevolge van de moeilijkheden en de hooge kosten voor vertalingen in de menigvuldige vreemde talen. Het verwisselen van leeraars uit Hoogescholen van verschillende landen is sterk beperkt ten gevolge van de verscheidenheid der talen. De verscheidenheid der talen is ook een hinderpaal voor den internationalen handel en de studiereizen.

Het is daarom dat een neutrale « hulptaal » noodig is, gemakkelijker aan te leeren dan om het even welke andere vreemde taal, om op zich de rol te nemen die het Latijn lang gehad heeft als internationale taal, en dat op een meer uitgebreide wijze. Het zal het « Latijn der Democratiën » zijn.

Esperanto is in 't geheel niet en « kunstmatige taal »; het is inderdaad uit de Europeesche talen eenvoudig en natuurlijk afgeleid. Met deze talen heeft de geniale Zamenhof een geheel gemaakt, waaruit de « nuttelooze » verwikkelingen verworpen zijn, zoowel ten opzichte van de grammatica als van de woordenschat. Esperanto is neutraal betrekkelijk de nationaliteiten. Ofschoon het van Europeeschen oorsprong is, wordt Esperanto op prijs gesteld door de Chineezen en de Japanneezen. Het is geschikt om de meest abstrakte gedachten en de keurigste verzen uit te drukken, zoowel schriftelijk als mondelings.

Reeds in 1922 heeft het Algemeen Secretariaat van den Natiënbond, in een lang verslag (Document A 5(1), 1922), vastgesteld dat Esperanto zijn hooge waarde heeft bewezen, niet slechts door theoretische overwegingen, maar ook door zijn reeds lange practijk op gebied van letterkunde en in de internationale congressen.

Tradukis M. DE RIJCKE.

## KENMERKEN VAN ESPERANTO

## CARACTERISTIQUES DE L'ESPERANTO

*Onveranderlijkheid der stammen :*
Ik drink, je bois, mi trink'AS.
Ik dronk, je bus, mi trink'IS.

*Invariabilité des racines :*
Vous êtes, gij zijt, vi est'AS.
Vous fûtes, gij waart, vi est'IS.

*Een enkele vervoeging :*
*Onbepaalde wijze :* altijd I.

*Une seule conjugaison :*
*Infinitif :* toujours I.

Trinki, Esti.

*Tegenwoordige tijd :* altijd AS.

*Temps présent :* toujours AS.

Mi trinkas, ci trinkas, li trinkas, ni trinkas, vi trinkas, ili trinkas.

*Verleden tijd :* altijd IS.

*Parfait :* toujours IS.

Mi, ci, li, ni, vi, ili trinkis.

*Toekomende tijd :* altijd OS.

*Futur :* toujours OS.

Mi, ci, li, ni, vi, ili trinkos.

*Voorwaardelijke wijze :* altijd US.

*Conditionnel :* toujours US.

Mi, ci, li, ni, vi, ili trinkus.

*Gebiedende-bijvoegende wijze :* altijd U.

*Impératif-subjonctif :* toujours U.

Mi, ci, li, ni, vi, ili trinku.

*Geen spraakkundige geslachten :*
Ze zijn nutteloos.

*Pas de genres grammaticaux :*
Ils sont inutiles.

*Bepaald lidwoord onveranderlijk :*

*Article défini invariable :*

LA.

*Geen onbepaald lidwoord :*
Nutteloos.

*Pas d'article indéfini :*
Inutile.

*Volledig accoord tusschen spelkunst en uitspraak :* geen stomme letters.

*Orthographe entièrement phonétique :* pas de lettres muettes.

*O* is de eenige uitgang van het *zelfstandig naamwoord*, onderwerp of attribuut, in 't enkelvoud :

*O* est l'unique désinence du *substantif*, sujet ou attribut, au singulier :

Parolo, skribo, tablo, hundo, kato, rivero, lando, monto, tero, akvo.

*A* is de eenige uitgang van het *bijvoeglijk naamwoord*, welk altijd overeenkomt met het zelfstandig naamwoord :

*A* est l'unique désinence du *qualificatif*, qui s'accorde toujours avec le substantif :

Bela, alta, dika, blanka, rapida, forta, familia, simpla, parola.

*E* (è) is de eenige uitgang van het *afgeleid bijwoord :*

*E* (è) est l'unique désinence de l'*adverbe dérivé :*

Bele, alte, rapide, forte, familie, simple, parole, amike.

*Het meervoud* wordt *uitsluitend* gevormd door aanhechting van *J* (vlaamsche uitspraak) :
Schoone vogel, bela birdo.
Schoone vogels, belaj birdoj.

*Le pluriel* se forme *exclusivement* par l'adjonction de *J* (prononciation flamande) :
Un bel oiseau, bela birdo.
De beaux oiseaux, belaj birdoj.

Men maakt woorden door middel van een dertigtal *voor- en achtervoegsels, met wel bepaalde beteekenis.*

On forme des mots au moyen d'une trentaine de *préfixes et suffixes à sens nettement déterminé.*

« *Mal* » duidt *het tegengestelde* aan :
Timi = vreezen ; maltimi = durven ;
Timo = vrees ; maltimo = driestheid.

« *Mal* » indique *le contraire :*
Timi = craindre ; maltimi = oser ;
Timo = crainte ; maltimo = audace.

« *Ist* » is het enkel achtervoegsel om *het beroep* aan te duiden :
Baki = bakken ; bakisto = bakker ;
Komerco = handel ; komercisto = handelaar.

« *Ist* » est l'unique suffixe indiquant *la profession :*
Baki = cuire au four ; bakisto = boulanger ;
Komerco = commerce ; komercisto = commerçant.

« *In* » duidt het vrouwelijk geslacht aan :
bakistino = bakkerin ; patro = vader ; patrino = moeder ; avo = grootvader ; avino = grootmoeder.

« *In* » indique le sexe féminin :
patro = père ; patrino = mère ; avo = grand-père ; avino = grand-mère ; bakistino = boulangère.

Men maakt samengestelde woorden met twee stammen : tero = aarde; pomo = appel; terpomo = aardappel; domo = huis; dombesto = huisdier.

On fait aussi des mots de deux racines : tero = terre; pomo = pomme; terpomo = pomme de terre; domo = maison; dombesto = animal domestique.

## COMMENT REALISER LES BUTS DE L'U.N.E.S.C.O. ?

L'U.N.E.S.C.O. est une organisation créée par les Nations Unies. Estimant que « la guerre étant née dans l'esprit des hommes, c'est là que doit s'organiser la défense de la paix », elle veut aider et intensifier l'échange des connaissances relatives aux divers aspects de l'existence dans les multiples nations. Elle veut faciliter l'échange de professeurs, de chercheurs, d'artistes, d'écrivains, d'œuvres d'art.

Elle désire organiser « rationnellement » la traduction des œuvres maîtresses publiées dans toutes les parties du monde. En un mot, l'U.N.E.S.C.O. veut amener les élites de tous les pays à se bien comprendre, à se connaître.

Ce programme est magnifique. Mais plus de quarante langues sont officielles dans les Nations qui sont membres de la nouvelle organisation. De combien d'auditeurs seront compris les professeurs venus de cinquante pays, ou plus ? Combien formidable serait le coût de l'édition de nombreux ouvrages en une quarantaine de langues ?

Ce vaste programme ne pourra être mis en réalisation que lorsque, selon l'expression de Tolstoï, « toutes les langues seront confondues en une seule, ce qui ne pourrait arriver que dans un temps éloigné; ou lorsque tous les hommes posséderont toutes les langues; ou lorsque toutes les Nations utiliseront une langue internationale facile, ce qui paraît le plus sage et le mieux réalisable ».

Que doit être cette langue auxiliaire facile ?

Déjà, en 1887, la Société Américaine de Philosophie, fondée en 1743 par Benjamin Franklin, l'a indiqué : **elle doit avoir une grammaire très simple; ses éléments puisés dans l'anglais, l'allemand, l'espagnol, le français, l'italien, le russe; l'accord complet entre la prononciation et l'orthographe.** Pourquoi cette société, d'expression anglaise, n'a-t-elle pas préconisé, comme langue auxiliaire internationale, la langue anglaise, dont la grammaire est plus simple que celle des autres langues européennes ? Parce que, pour apprendre l'anglais, il faut étudier deux langues différentes : l'écrite et la parlée, et parce qu'il ne pouvait échapper à cette société savante que les susceptibilités et les légitimes intérêts nationaux s'opposeraient à ce qu'il soit donné aux nations d'expression anglaise une supériorité linguistique, avant-garde de l'hégémonie. Cette société de philosophes savait que les gens d'expression non anglaise ne peuvent guère s'assimiler qu'une langue anglaise réduite, suffisante pour les besoins du grand commerce international et pour permettre au voyageur de se tirer d'affaire à l'étranger. Elle n'ignorait pas qu'une langue internationale doit pourvoir aux besoins des relations scientifiques et juridico-politiques, dans lesquelles une grande précision est indispensable, et que cette précision ne peut être mise ni comprise en une langue incomplète. D'autre part, celle-ci ne peut traduire que grosso-modo une œuvre littéraire, sans en reproduire les délicatesses et les nuances, c'est à dire le génie de l'œuvre.

Les méditations d'un idéaliste et polyglotte polonais lui avaient fait concevoir, quelques années avant 1887, un programme semblable à celui de la Société Américaine de Philosophie. Plusieurs années furent nécessaires à l'élaboration de sa langue **Esperanto.** Il la publia en 1887. Quand la société américaine eut connaissance du travail du « Docteur Esperanto » (L. L. Zamenhof), elle l'approuva pleinement. La langue auxiliaire internationale, **découlant naturellement des langues ayant évolué historiquement,** était née. L'idéaliste Zamenhof, qui était d'origine hébraïque, n'a pas vendu son œuvre; il l'a donnée à l'humanité. Il a consacré toute sa vie, et une forte partie de ses modestes honoraires de médecin-oculiste philanthrope, à montrer par ses écrits originaux et par des **traductions très précises,** tant en vers qu'en prose, de chefs-d'œuvre

littéraires, que l'Esperanto n'est pas un simple moyen d'exposer l'objet d'une œuvre, mais qu'il peut en reproduire le génie. Les écrits de Zamenhof et de ses disciples ont montré que l'Esperanto est capable d'exprimer les pensées les plus abstraites et les poésies les plus délicates, au moyen de son **vocabulaire très étendu en même temps que très simple,** ce qui peut paraître paradoxal, mais devient lumineux à quiconque l'examine sérieusement et objectivement.

Prenons, dans la vaste littérature de l'Esperanto, quatre exemples qui illustreront notre thèse :

« Hamlet », de Shakespeare, a été traduit en entier par Zamenhof en vers rimés, l'« Enéide », de Virgile, a été traduite en entier par le Docteur Vallienne en hexamètres dont la cadence est celle des hexamètres latins, chaque groupe de cinq vers de Virgile étant traduit par cinq hexamètres d'Esperanto; un tour de force semblable a été réalisé, en vers rimés, par K. Kalocsay, qui a traduit l'« Enfer » de Dante, chaque groupe de trois vers d'Esperanto correspondant à trois vers de Dante. A. Grabowski a traduit « Halska » en vers rimés tels, que la musique de Moniuski s'adape, pour cet opéra, aussi bien aux vers de Grabowski qu'aux vers originaux de Wolski.

**L'Esperanto est donc la langue nécessaire à l'U.N.E.S.C.O.,** ainsi qu'aux conférences et congrès internationaux, où il est indispensable que chaque participant puisse communiquer complètement sa pensée à tous les autres, sans interprètes ni traducteurs.

La question est d'une importance telle qu'il est presque incompréhensible que la déformation professionnelle fasse dire à certains, dédaigneusement et sans objectivité, que l'Esperanto n'a pas d'avenir « parce que c'est une langue **artificielle** ». Ce mot devrait être défini et justifié. Les langues ordinaires ont évolué en désordre; leurs complications sont inutiles, puisque les langues qui en ont le moins expriment la pensée aussi clairement que celles qui en ont le plus. Celles-ci sont-elles plus « naturelles » que les premières ? Où en seraient les langues dites « naturelles », si elles n'avaient pas eu à leur disposition l'alphabet, arrangement « artificiel » issu non pas du langage populaire, mais « inventé » par des penseurs ?

**C. VANDEVELDE.**

## SCIENCA TEZO PRI ESPERANTO

Baldaŭ aperos, el la presejo Muusses en Purmerend (Nederlando) nederlandlingva tezo de S-ro W. Manders, el Venlo, sub titolo « Vijf kunsttalen. Vergelijkend onderzoek naar de waarde van het Volapük, Esperanto, Ido, Occidental en Novial » (Kvin artefaritaj lingvoj. Kompara ekzamenada pri la valoro de Volapük, Esperanto, Ido, Occidental kaj Novial). La verkisto de tiu ampleksa verko, kiu enhavos proksimume 400 paĝojn, intencas doktoriĝi pro tiu studado, dum la monato Aprilo. En Esperantistaj rondoj li estas bone konata, ĉar li verkis esperant-lingvan tradukon, el la malnova greka lingvo, de « Odusseias » de Homeros. Ni esperas tre baldaŭ aldoni al nia Bulteno prospekton pri tiu interesa verko.

## 32a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO 1947 EN BERN

*Registarano D-ro Enrico Celio, Honora Prezidanto de la 32a Universala Kongreso de Esperanto.* — La Svisa Registaro rajtigis sian Vic-prezidanton S-ron D-ron Enrico Celio, ministron de la Federacia Poŝt- kaj Fervoj-departemento estiĝi la Honora Prezidanto de la 32a Universala Kongreso de Esperanto 1947 en Bern.

La Registaro transdonis sian plej koran deziron por la efektiviĝo de la Kongreso. Dum la Solena malfermo de la Kongreso la 27a de Julio verŝajne ministro D-ro Celio salutos la Kongreson en la nomo de Svisa Registaro.

*Senpaga vizo al Svislando.* — Ĉiu kongresano ricevos senpagan vizon al Svislando de la Svisaj Ambasadorejoj aŭ Konsulejoj en eksterlando montrante la kongresan karton (nur por la kongresa tempo kaj postkongreso).

*Mendu baldaŭ vian restejon en Bern.* — La L.K.K. informas la kongresanojn de la 32a Universala Kongreso de Esperanto, ke la restad-demando estas ege malfacila. Pro tio petas la L.K.K. ke ĉiu kongresano tuj sendu sian mendon aŭ por hotelĉambro aŭ por ĉambro ĉe privatulo.

Ne plu restas ĉambroj disponeblaj en la aranĝoj A-II kaj A-III.

Pro la relative malgranda nombro de hotel- kaj privatĉambroj, kiuj estos je la dispono, estas L.K.K. devigata pritrakti la mendojn laŭ la sinsekvo de ilia alveno al Bern kaj poste ne estos eble plenumi eventualan specialdeziron. La unuaj mendantoj ricevos la plej bonan servon.

Ankaŭ la mendanto de Amas-restejo devos baldaŭ sendi al L.K.K. sian mendilon. Tiu kiu ne havas aliĝilon aŭ mendilon por restado ricevos tiun de Belga Ligo Esperantista, 19, avenuo Montjoie, Bruselo.

*Transpago al Svislando.* — La partoprenontoj de la 32a Universala Kongreso de Esperanto 1947 en Bern devas sin anonci tuj al Belga Ligo Esperantista, kiu faras paŝojn por ricevi la necesajn devizojn.

De nun la transpago por la *aliĝo al la Kongreso* povas okazi pere de kiu ajn akceptita banko, kiu estas rajtigata, laŭ ĝenerala permeso N-ro 62 (Belga Ŝtatgazeto de 9a Februaro 1947, p. 1364) transpagi kotizojn de membroj de sciencaj, kulturaj aŭ sportaj asocioj, kies jara kotizo ne superas 1.000 belgajn frankojn jare.

## BELGA KRONIKO

— ESPERANTISTA BRUSELA GRUPO. — La ĝenerala kunveno okazis la 20an de Januaro. Malgraŭ la malbela vetero, sufiĉe multaj membroj ĉeestis. La raportoj de la Prezidantino, de la Sekretariino kaj de la Kasistino estis prezentataj kaj aceptataj. La Komitato estis elektata por 1947 : Prezidanto : D-ro Kempeneers; Vic-prezidanto : S-ro Derks; Sekretariino : F-ino Obozinski; Vic-sekretario : S-ro Castel; Kasistino : S-ino Plyson: Help-kasisto : S-ro Hart; Bibliotekistino : F-ino Kestens; Konsilantoj : D-ro Maes kaj S-ro Van der Stempel.

Al F-ino Jennen, kiu ne plu akceptis esti reelektata, estis prezentata la titolo de Honora Prezidantino.

— La 2an de Februaro, en la kafejo « Les Métiers », la grupo festis sian novan Honoran Prezidantinon. Multaj amikoj ĉeestis, kaj la atmosfero estis plena de sincera simpatio. D-ro Kempeneers, kiel nova Prèzidanto de la Grupo, faris belegan paroladon pri la agema vivo de la jubileantino kaj transdonis al ŝi memoraĵon; F-ino Obozinski diris kelkajn vortojn nome de la Esperantistinoj kaj prezentis florojn; S-ro Vandevelde, nome de Belga Ligo Esperantista, transdonis gratulojn; S-ro Deman salutis nome de Genta Grupo kaj donacis belan florbukedon; S-ino Staes parolis kiel amikino kaj malnova Esperantistino; fine S-ro Bas rememorigis ke kun F-ino Jennen li la unuan fojon parolis Esperantlingve — jam antaŭ multaj jaroj ! — kaj kun sprita komentario transdonis belajn florojn.

La jubileantino dankis per emociplenaj vortoj; ŝi estis profunde kortuŝata; ŝi sentis, prave, ke ĉiuj, kiuj ŝin ĉirkaŭis, rekonis kiel ageme kaj nelacigeble ŝi laboris por la sukceso de nia bela idealo.

Telegramoj estis laŭtlegataj, senditaj de bruselaj nevolaj forrestantoj, ankaŭ de S-ino Schoofs kaj de S-ro Jaumotte, el Antverpeno.

Teo kaj kafo estis poste prezentataj, kaj la kunveno daŭris malfrue, dum aŭdiĝis intima kaj bonhumora interbabilado.

— PROGRAMO DE LA VENONTAJ KUNSIDOJ (en la ejo : rue au Beurre, 40, Boterstraat, je la 20a).

*Aprilo :* la 7an, Paska-lundo, ne okazos kunveno; la 14an, je 19.30, komitata kunsido, je la 20a, D-ro Kempeneers, pri reedukado de amputitoj (kun prezentado de filmoj); la 21an, S-ino Stern, pri « Anglo kritikas la francojn »; la 28an, S-ro Castel, pri « Makulo sur Hispanujo ».

*Majo :* la 5an, je 19.30, komitata kunveno, je la 20a, ĝenerala kunsido, parolata gazeto, diversaĵoj; la 12an, S-ro Rampaer, pri « Festo de patrinoj »; la 19an, S-ro Loeckx instruos novajn kantojn; de la 25a ĝis la 27a, « Belga Kongreso ». Sendu tuj vian aliĝon !

*Junio :* la 2an, je 19.30, komitato kunveno; je la 20a, ĝenerala kunsido, parolata gazeto, diversaĵoj; la 9an, F-ino Jennen, pri « Krozado al proksima Oriento »; la 16an, S-ro Couppez, pri « La interna organizado de societoj »; la 23an, S-ino Ernst, literatura vespero.

— PROMENADOJ. — Rendevuo je la 15a, Dimanĉon la 6an de Aprilo : je la eniro de Bois de la Cambro; la 20an : Norda Stacidomo, foriro de tramoj G. W. k. c.; la 4an de Majo : sama loko; la 18an : Komunuma placo de Berchem; la 1an de Junio : Preĝejo Saint-Lambert, Heysel; la 15an : avenue du Silence, finhalto de tramo 9; la 29an : place Rouppe.

## BIBLIOGRAFIO

— HOOGESCHOOL EN VOLK, algemeen wetenschappelijk maandblad, publikigas, en sia unua kajero (Januaro 1947), krom diverstemaj interesaj artikoloj, du artikolojn pri Esperanto : unu *por*, de P-ro D-ro Marius Valkhoff, unu *kontraŭ*, de P-ro D-ro W. G. S. Hellinga, ambaŭ tre interesaj por Esperantistoj. La bela kaj interesa revuo estas eldonata de la Eldonejo « Kosmos » en Amsterdam, kaj havebla de ĝia filia oficejo en Antverpeno, Lamorinièrestraat, 153.

— ENERGY, maandblad voor Talen en Handel, monata, kvinlingva revuo eldonita de lingvolernejoj : Sanderus, Antwerpen, kaj Gaupin, Sint-Niklaas. Nederlanda, franca, angla, germana kaj esperanta partoj. Mendu provekzempleron je fr. 10,— aŭ jarabonon je fr. 100,— al P. Ĉ. K. 1689.58 de Belga Esperanto Instituto, Antwerpen.

## NEKROLOGO

— Forpasis, post longa kaj doloriga malsano, S-ro Marcel DUMONT, membro de Brusela Grupo. Varbita de F-ino Obozinski, li lernis Esperanton sen ia helpo kaj ĝin tre bone konis. Li estis profesoro pri arto kaj arkeologio, kaj ofte faris en la grupo rimarkindajn paroladojn, kies temojn li prenis en sia profesia kulturo. Li ankaŭ faris propagandajn paroladojn kaj varbis multajn amikojn por nia afero. Lia tro frua morte estas grava perdo por nia movado. Ni konservos pie lian memoron.

A. JENNEN.



**TARIFO DE LA ANONCOJ**

| | Unu anonco | Ses anoncoj |
|---|---|---|
| 1/8 paĝo... | 60,— | 300,— |
| 1/4 paĝo... | 100,— | 500,— |
| 1/2 paĝo... | 175,— | 800,— |
| 1 paĝo... | 300,— | 1500,— |

pagotaj al la P.Ĉ.K. 1337.67 de R. B. L. E., La Louvière

## REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto :* D-ro P. KEMPENEERS, 19, avenuo Montjoie, Bruselo.
*Vic-Prezidantoj :* F-ino A. JENNEN, 72, rue d'Albanie, Bruselo.
S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenuo De Bruyn, Wilrijk-Antverpeno.
*Ĝenerala Sekretario :* S-ro Inĝ. C. VANDEVELDE, 230, Peter Benoitlaan, Merelbeke.
*Protokola Sekretario :* S-ro Ch. POUPEYE, 42, Elf Julistrato, Bruĝo.
*Kasisto :* S-ro A. TASSIN, 1, rue Saint-Joseph, La Louvière.

**KOTIZO : 70 fr. pagebla al via loka grupo aŭ al la poŝtĉekkonto 1337.67 de R. B. L. E.**

Imp. LIELENS, s. p. r. l., 18, r. de la Princesse, Brux. Tél. 21.10.98